Aldono al «Esperanto»



# Princlando

# Liĥtenstejno

(Eldonita de l'Turisma Unuiĝo de Liĥtenstejno & sub la aŭspicioj de l'Turisma Servo de U.E.A.)



*Perspektivo en la Rejn-valon de Liĥtenstejno*

**Liĥtenstejno,** la malgranda Princlando apud la Supra Rejno, suverena de post 1719, la sola german-lingva monarkio.

**Liĥtenstejno, lando por feri-tagoj.**

Kion vi serĉas dum la tagoj de l'ferioj? Ĉu ekskluzivan hotel-societon kun sia tumulta vivo? Tiam Liĥtenstejno ne estas io por vi. Sed se vi ŝatas trankvilan vojon por promenado en abia arbaro aŭ en tereno kun multe da suno, se vi ĝojas pri klara, mirinda pejzaĝo — montoj kaj kasteloj troviĝas en ĝi, vitoj kreskas tie kaj malsupre fluadas la Rejno — se sufiĉas al vi bona, zorgita loĝigo (plena pensiono de 6-9 sv. frk.), tiam Liĥtenstejno estas la lando por vi.

**Liĥtenstejno, lando por rentuloj kaj pensiitoj.**

Ĉu vi serĉas Lud-Bankon? Tiam Liĥtenstejno estas nenio por vi, ĉar ĝi ne havas lud-bankon. Sed se vi interesiĝas pri malalta imposto (Liĥtenstejno postulas 1 % de l'enspezaro kaj $^{3}/_{4}$ ‰ de l'havaĵo, ankaŭ blok-taksado estas ebla), se viajn tagojn vi deziras travivi trankvile en burĝa pensiono aŭ en



*Pfälzer-Kabano de l' German-Aŭstria Alpo-Klubo 2100 m kaj ĝia ĉirkaŭo*

propra domo (oni povas kun avantaĝo kaj malmultekoste konstrui en bela, sunplena sud-situacio en arbara proksimeco), ne tute ekster la mondo — ĉar ĝis la ban-urbo kaj la kazino de Ragaz estas nur 1 ½ horoj, ĝis la Engadino 3-4 horoj, ĝis Zürich 2 kaj ĝis la lago de Konstanco 1 ½ horoj — kaj se samtempe vi deziras vivi malkare — tiam Liĥtenstejno estas la lando por vi.

**Liĥtenstejno kaj ĝia alparo.**

La altmontaraj kuraclokoj troviĝas en alteco ĝis 1650 m ; ĉiuj havas telefonon, ĉiutagan poŝtkomunikadon kaj bonegajn ŝoseojn por alveturo (Aŭtomobil-trafiko ĝis alteco de 1500 m). La montoj leviĝas ĝis 2600 m kaj estas egale konvenaj tiel por rutinitaj montgrimpantoj, kiel por pli modestaj promenantoj. La vojoj kondukas tra arbaroj kaj imponaj paŝtejoj.

(Nov-konstruita Pfälzer-kabano, lit- kaj matrackuŝejo, grava elirpunkto por monto-migrado en la alparon de Liĥtenstejno aŭ en la najbarajn alpojn de Vorarlbergo aŭ Svislando).

**Ĝenerala informaro :**

10.000 enloĝantoj, 157 □km ; meza valalteco 500 m. La lando kuŝas ĉe la linio Vieno-Parizo (Stacio por ekspres-vagonaroj : Schaan-Vaduz) poŝtaŭtomobil-komunikado kun ĉiuj partoj de la lando kaj ĝis alteco de 1000 m ; svisa ekonomia teritorio, propraj poŝtmarkoj, oficialaj poŝtkartoj kun bildoj kaj klariga teksto en germana lingvo kaj en Esperanto, svisa franko-valuto.

**VADUZ**

| | |
|---|---|
| St. Gallen . | 1 ½*) |
| Zürich . . . | 2 |
| Genève . . | 6 ½ |
| Luzern . . | 2 |
| Ragaz . . . | ½ |
| Davos . . . | 2 ½ |
| St. Moritz . | 3 ½ |
| Feldkirch . | ¼ |
| Arlberg . . | 1 ½ |
| Innsbruck . | 4 |
| München . | 6 ½ |
| Lindau. . . | 1 ½ |
| Konstanz . | 2 ½ |
| Stuttgart . | 6 |
| Frankfurt . | 10 |
| Berlin . . . | 15 |
| Wien. . . . | 15 |
| Milano . . . | 8 |

* *la ciferoj estas horoj de veturado per ekspres-vagonaro*

**Por informo oni sin turnu al :**

# Liechtensteinischer Verkehrsverein

**(Turisma Unuiĝo de Liĥtenstejno)**

# Vaduz

*Traduko de Rob. Kreuz, L.K. (ICK), Genève*

# Per Balono al la Norda Poluso

**Oficiala eldono de la ĵus trovitaj taglibroj de Andrée kaj liaj du kamaradoj pri la tragika veturado per la balono AGLO al la norda poluso en la jaro 1897**

## Aperis en Esperanto samtempe kun 12 alilingvaj eldonoj la 25an de Novembro

### Vera juvelo de esperantista libraro

Antaŭ du monataj la tuta mondo estis konsternita de la nekredebla sciigo ke norvega scienca ekspedicio estis trovinta la lastan restadejon de Andrée kaj liaj du kamaradoj kune kun iliaj bone konservitaj korpoj, provizaĵoj, taglibroj k.t.p. Estis sur insulo nomata BLANKA INSULO en la nordpolusa maro. La gazetoj rakontis ke la korpoj estis tute konservitaj en la glacio kiu ĉirkaŭis ilin, kaj tra la glacio oni facile povis vidi kaj rekoni la personojn. Oni rakontis ke ĉio estis enbordigita sur la ŝipon, kiu daŭrigis sian kombinitan sciencan kaj kaptadan ekspedicion kaj nur post finita tasko reiros la havenon. La tuta mondo malpacience atendis pliajn detalajn sciigojn, sed nenion plu oni eksciis. La gazetoj komencis dubi pri la tuta afero kaj skribis artikolojn pri la fia trompaĵo. Intertempe tamen pluraj grandaj diversnaciaj eldonejoj oferis al la norvega scienca instituto kaj al la posedanto de la ŝipo fantaziajn sumojn por la rajto de sola publikigo de la taglibroj. Oni parolis pri milionoj da dolaroj. Sed vane. Kontraŭe la norvega registaro ordonis absolutan silenton al la ekspedicio kaj samtempe transdonis ĉiujn rajtojn al la sveda registaro kaj per ĝi al la samlandanoj de la retrovitaj herooj. Efektive neordinare malegoista kaj honoriga ago, diktita nur per respekto kaj honorigo al la mortintoj.



S. A. ANDRÉE

Nature la scivolo de la gazetoj ne kontentiĝis je tia sekreto kaj pro tion koncerno de svedaj kaj anglaj gazetoj dungis ŝipon por fari propran ekspedicion al la nomita insulo por serĉi eventualajn pliajn restaĵojn de la malfeliĉa balona ekspedicio de Andrée. Kaj aŭdŭ! Tiu ekspedicio trovis la restaĵojn de unu el la partoprenintoj de la balonveturado, kiun la norvegoj ne estis trovintaj, kaj krom tio ankaŭ la tre valoran observolibron de Strindberg, kaj per tio la taglibroj estis tute kompletaj. Nun ankaŭ la gazetoj povis doni la longe atenditajn detalojn pri la tragedia veturado kaj pri la sekvanta malespera vagado sur la mara glacio. Tamen eĉ tiuj sciigoj estis tre mallongaj kaj nekompletaj, ĉar ankaŭ tiu-ĉi ekspedicio obeis al la deziro de la sveda registaro ŝpari la detalojn ĝis scienca komisiono povos prilabori la trovitan materialon kaj poste eldoni kompletan kaj science aŭtentikan rakonton. Oni ankaŭ interkonsentis ke la mono, kiun donos la publikigo de tia libro, estos oferata al scienca fondaĵo portonta la nomon de Andrée kaj servonta al celoj, por kiuj la balonveturintoj oferis siajn vivojn.

Tiu libro nun estas preta kaj aperis la 25-an de novembro samtempe en 12 lingvoj, inter kiuj ni kun fiero povas mencii Esperanton. Fine oni do ekscios ĉiujn detalojn pri tiu-ĉi balonveturado. Nun ni havas la notojn de la aktoroj mem, akompanataj de sciencaj sed tamen populare donitaj klarigoj. Tagon post tago, horon post horo ni povas sekvi la balonveturintojn dum ilia flugado per la AGLO kaj dum iliaj vagadoj kaj bataladoj kontraŭ glaciaj rokoj, polusaj ursoj, ventegoj, akvoj kaj neĝo, ĝis ili faras la lastan noton kun la morto antaŭ la okuloj. Vi legos dramon, pli interesan kaj pli vivan ol ĝin povas fari ordinara verkisto, ĉar tiun-ĉi dramon skribis la aktoroj mem, kaj por ĝi ili donis siajn vivojn.

Ĉio kio resultis el la trovitaj restaĵoj de la ekspedicio de Andrée, pri kies sorto la lertuloj vane diskutis

dum 33 jaroj estos publikigata nur laŭ permeso de la sveda registaro. La 25-an de novembro la libro aperis samtempe en 12 lingvoj. Por la rajto eldoni la libron oni devas pagi fiksitan honorarion al la supre dirita fondaĵo. La rajton eldoni la libron en Esperanto akiris la ELDONA SOCIETO ESPERANTO en Stockholm. La libro enhavas ĉirkaŭ 450 pagojn kaj multajn interesegajn bildojn kelkajn prenitajn de Andrée mem, rivelitaj post 33 jaroj en la eterna glacio, kaj ĝi estas presata sur luksa papero, estante por tia libro nur la plej bona sufiĉe bona.

Estas nature, ke la eldono de tia libro ĝenerale superas la fortojn de esperantista eldonejo, sed konvinkita, ke la aperigo de la libro en Esperanto samtempe kun alilingvaj eldonoj estos neordinare efika reklamo por nia lingvo, kiu per tio povas esti konsiderata samranga kun aliaj vivantaj lingvoj, la societo tamen riskis la entreprenon, depost oferemaj samideanoj promesis kunhelpi per necesa kapitalo. Do, ĉefe dank'al ili la eldono ebliĝis finance. Sed restis ankaŭ tre grava teknika malfacilaĵo pro la tre mallonga tempo ĝis la aperigo. Nur 1 ½ monato estis je nia dispono por traduko kaj presigo de libro de ĉ. 450 paĝoj. Ĉar nepre ĝi devas aperi samtempe kun la aliaj eldonoj je la difinita tago, por ke la efiko havos la ĝustan valoron.

Do, estis necese mobilizi ĉiujn fortojn. La tradukon prenis sur sin Sro STELLAN ENGHOLM, jam lerta tradukisto, kaj jam bone konata al la esperantista publiko per sia originala verko « Al Torento », kiu ricevis multan laŭdon. Nia akademiano kaj lingva komitatano Sro P. Nylén kontrolis la tradukon kaj nia esperantista presisto Sro B. Eriksson oferis la noktojn dum unu monato por la kompostado kaj la presigo de la libro, por ke ĝi povu aperi ĝustatempe. Malantaŭ la kulisoj staras ankaŭ nia fervora samideano Sro Rektoro Sam Jansson, kiu per siaj fidindaj aspekto kaj parolo sukcesis havigi la necesan monon. La tuta esperantistaro ŝuldas grandan dankon al tiuj personoj, kiuj donis al ĝi tiom valoran libron en Esperanto kaj samtempe ankaŭ bonan propagandilon. Nun estos ankaŭ la devo de la sama esperantistaro pruvi, ke ĝi ŝatas tian laboron per aĉetado de la libro.

Vi ne kredu ke la enhavo estos lerta kaj por ordinara homo nekomprenebla. Efektive la vero estas kontraŭa al tio. La libro estas tre populare skribita kaj pro tio facile legebla. Vi legos romanon, kiu enhavos pli dramatikajn kaj nervtiklantajn detalojn ol cerbo de ordinara verkisto povis eltrovi, kaj komencinte la legadon vi ne povos ĉesi ĝis vi atingis la finon, kaj vi metos ĝin en vian libraron kun la kontentiga sento, ke ĝi estas la plej brila juvelo de via kolekto.

Kvankam la kosto de esperanta eldono pro la relative malgranda nombro estas multe pli granda po libro ol alia eldono, la prezo po ekzemplero estas pli malalta por la esperanta libro ol ekzemple por la sveda. La prezo estas 9 svedaj kronoj, 10 germ. markoj aŭ 10 angl. ŝilingoj. Se la nuna esperanta eldono estos rapide elvendita, nova eldono verŝajne estos malfacila, kaj pro tio ĉiu samideano, kiu certe volas havigi al si tiun-ĉi valoran libron devas, mendi tuj ĉe la ELDONA SOCIETO ESPERANTO, Stockholm 1, Svedujo.

Stockholm en Novembro 1930.

Ad. Larson
Ĉefdelegito de U.E.A. por Svedujo

---

PREZO Nebindita Kr. sved. 9.—. Bindita 11.50 Kr. sved. (Por afranko aldonu 0.50 Kr.).
ONI MENDU ĈE : Eldona Societo Esperanto, Stockholm I, Sved.

Aŭ ĉe la deponejoj :

**Universala Esperanto-Asocio,** Libroservo de UEA), 1, Tour-de-l'Ile, Genève, Svis.
**Heroldo de Esperanto,** Brüsselerstrasse 94, Köln, Germanujo.
**Friedrich Ellersiek** G.m.b.H., Wilmsstrasse 5, Berlin, S.W. 61.
**British Esperanto-Association,** 142, High Holborn, London W.C.1.
**Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko,** 1591 Anderson Ave, Fort Lee, N.J.
**Centrale Esperanto-Boekhandel,** Den Haag, Bankastraat 2-a (Nederlando).
**A. Paolet,** editore, San Vito al Tagliamento, Italujo.